oni vidas laŭ liaj vestaĵoj, ne havas sufiĉe por ĉiutage manĝi. Li venas en la bankon por peti oficon; li renkontas la serviston fumantan la cigarojn de la direktoro, kaj rakontas al li sian aferon. Li montras al la servisto leteron kiun iu donis al li por lin rekomendi al la direktoro. Dum la servisto Viktor tenas la leteron, la direktoro eniras. Kion fari? Viktor metas la leteron en sian poŝon kaj eliras. Terura embaraso de S° Mino:

— Kion vi faras tie ĉi, en mia kabineto?

— Mi... mi... serĉas oficon.

— Ĉu vi havas rekomendan leteron?

— !!!!!

— Ĉu vi havas rekomendan leteron?

— !!!!!

— Mi demandas vin.....

— Je... je... ne... mi havas... mi ne havas.....

— Ha, feliĉe: tial ke mi estas decidinta ke mi neniam akceptos oficiston kiu prezentas sin kun rekomenda letero. Car, kiam mi akceptas la protektaton de mia amiko Paŭlo, tiam mia amiko Petro estas malkontenta tial ke mi ne akceptis lian.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La servisto eniras, tenante la leteron.....

— Kion vi deziras? mi ne vokis vin.

— Jen estas la letero...

— Kiun leteron?

S° Mino, same, vidante la aferon:

— Kiun leteron?

S° Mino estas jam kaptinta la fidon de l' direktoro, kaj li aranĝas tiel bone la aferon ke, post kelkaj minutoj, li ludas la rolon de direktoro kune kun la direktoro mem:

— Kion vi faras tie ĉi kun tiu letero? Fi, tiu letero malbonodoras. Ne prenu ĝin, S° Direktoro...

Kaj Mino metas la leteron en sian poŝon, kaj la serviston eksteren.

La ĝajeco kaj la ridoj, la ridegoj, kiujn kaŭzis tiu bonhumora teatraĵeto, estas ne priskribeblaj. Sed mi rediru ke la aktoroj estis bonegaj en siaj roloj, precipe S° Leon Zamenhof, kiu plenumis sian taskon laŭ plej natura maniero.

Por fini la vesperon, oni donis al ni drameton de itala verkisto, Edmond de Amicis, tradukitan esperanten de S^ino^ Rosa Junck, kaj en kiu ŝi ludis la ĉefan rolon. S^ino^ Junck ludas tre bone, kaj ŝiaj kunuloj, S^oj^ Privat, Deshays, Bernard, Dubois kaj aliaj, tre bone helpis ŝin. Bedaŭrinde, la teatraĵo estas tre malĝojiga; laŭ mia humila opinio, oni estus farinta pli bone se oni estus elektinta ridigan komedion anstataŭ plorigan dramon.

Oni diris al mi ke en tiu vesper-kunveno ĉeestis iu brusela propagandisto de la volapükido *Idiom Neutral.* Ni esperu ke li komprenis kaj aŭdis kiom pli flua kaj pli belsona ol lia sensprita lingvaĉo estas la ĉie konata Esperanto, kaj kiom vanaj estas de nun ĉiuj klopodoj por enkonduko de flanka lingvo. Kial li ne lernas Esperanton!?!?

---

**Jaŭdon, 30^an^ de Aŭgusto.** — Ŝipveturado sur la Leman' Lago, ĝis Vevey. Je la 8^a^ matene, la kongresanoj aliras la ŝipon, kiu estas baldaŭ plenega. Je la 8 ½, ĝis foriras. Antaŭen!

Tie, mi vere kaj pli intime konatiĝas kun multaj neniam viditaj samideanoj: S^oj^ Pourcines, el Nancy; Evstifejev, el Harbin; Borel, el Berlin; Ĉefeĉ, nia bonega propagandisto el Anglujo, kaj lia edzino; L° Kolonelo Pollen; Kühnl, el Praga; Küchler, la agema propagandisto, kaj D° Hanauer, el Frankfurt; Kolonelo Ayza, el Hispanujo; Profesoro Grillon, el Philadelphie; Leŭtenanto Bayol, S^oj^ de Beaufront, Rousseau, Bord, Bréon, Chavet, Gaston Moch, Carlo Bourlet, Pastro Peltier, Rektoro Boirac, S^ino^ Bastoul, ĉiuj el Francujo, kaj multego da aliaj. Mi revidis kun granda plezuro niajn malnovajn amikojn S^ojn^ Jos. Rhodes kaj John Ellis, kiujn mi akompanis dum parto el ilia vojaĝo en Belgujo antaŭ du jaroj.

Mi vidas amikojn sur la supera ferdeko; mi tuj intencas supreniri, sed iu sinjoro, kun kokardo verda kaj blua — aŭ, eble, blua kaj verda — baras la vojon; en sia mano li tenas grandan paperon:

**Rezervata por la Komitatoj**

Mi demandas:

— Ĉu gazetistoj ankaŭ povas surpreniri?

— Jes. Ĉu vi havas karton?

Ho ve! la organizintoj forgesis doni gazetistan karton al esperantistaj gazetistoj!

Kvin minutojn poste, la sinjoro kun kokardo verda kaj flava, aŭ flava kaj verda, foriris kune kun sia kokardo kaj sia granda papero; la supera ferdeko ne estis plu rezervata por la Komitatoj, nek por la gazetistoj kun karto; ĉiuj simplaj Esperantistoj povis surpreniri, kaj mi faris same.

Pri la vojaĝo mem, mi povas tre malmulte diri; la aero estis tre varma, kaj malgraŭ la irado, oni sentis preskaŭ nenian venteton; tio influis sur min kaj mi ne ĝuis la vojaĝon.

La programo diris: *Ricevo en Vevey de la estraro.* Ĉe la elŝipiĝo, ni vidis nur muzikistaron kiu atendis nin, por konduki nin tra la stratoj de l'urbo, sed ni ne vidis la estraron.

La tagmanĝo okazis en du hoteloj: *Hôtel des Trois Couronnes*, kaj *Hôtel d'Angleterre*.

Tie, D° Zamenhof ricevis viziton de du blindulinoj, kiuj alportis al li saluton de l' blinduloj el Lausanne, kun danko pro la bono kiun Esperanto faris al ili.

Je la 8 1/2 vespere, la ŝipo reestis en Genevo.

---

**Vendredon, 31^an^ de Aŭgusto.** — Kunveno je la 10^a^ en la Universitato. S° G. Moch legas raporton de l'Organiza Komitato pri *kreo de Esperantistaj Konsulejoj.* Tiu ĉi propono, ja tre malnova, estis reprezentata pasintan jaron al la Boulogne'a Kongreso; la aŭtoro, S° A. Carles, el Beziers (Francujo) ne donas detalojn, sed diras nur:

« Ĉu estus malfacile organizi konsularon? — Certe ne.

« Anstataŭ krei la Tutmondan Ligon Esperantistan laŭ la propono kaj la difino de D^ro^ Zamenhof — kiu laŭ mia opinio, enkatenus ĉiujn iniciativojn, ĉu privatajn, ĉu de la diversaj naciaj societoj, sufiĉus krei *Centran Konsulejon*, kiu tuj kolektus la aliĝojn de la unuaj bonvolantoj, kaj aperigus iliajn nomojn en la esperantistajn gazetojn. (Tio ja ne malhelpus la kreon de Centra Komitato aŭ Akademio difinonta *tuj kaj nepre* la elektojn de l' novaj

vortoj, iliajn ĝustajn sencojn, la diversajn gramatikajn demandojn, k. t. p.).

« Mi do proponas al la Kongreso akcepti la principon pri kreo de konsuloj (oficialaj aŭ ne), kaj tuj nomi komitaton difinontan tiun kreon. »

La raporto klarigas :

« Ni kredas,ke la tre utila kreo de tiuj riprezentantoj (aŭ, pli bone kaj klare : konsuloj ) povas efektiviĝi — precize tial ke ĝi estas memvideble utila — tre simple, per la sola agado de la libera iniciativo.

« Se la Kongreso,laŭ la esprimo de S[ro] Carles,akceptas « la principon de tiu kreo », kaj komprenigas tiel al la Esperantistaro kiel utila ĝi estus, ne estas dube ke multaj societoj kaj grupoj elektos baldaŭ, por sia urbo, unu aŭ kelkajn konsulojn (ĉar en la grandaj urboj, unu ne sufiĉos). Ili sciigos sian elekton al la naciaj esperantistaj gazetoj, al la redaktistoj de adresaroj kaj al la Centra Oficejo.

«Tiu ĉi lasta,kiu intencas eldoni regule duonjaran *Esperantistan Societaron*, (1) enpresos plezure tiujn utilajn sciigojn

«Cetere io simila estas jam farita.Kiam,antaŭ kelkaj semajnoj, la Centra Oficejo petis la Societojn pri statistikaj sciigoj, por prepari sian *Societaron* (1), la Franca Societo por la Propagando de Esperanto montris, por ĉia grupo, la adreson de unu persono, komisiita kaj bonvola por respondi al eblaj demandoj ; kaj tiuj personoj estas nenio alia ol Konsuloj sen la titolo.

« Agante tiel, oni povas konfidi ke, kiam kunvenos la 3[a] Kongreso, ekzistos jam multaj Esperantistaj Konsulejoj. Oni povos tiam kompari kiel ili estis elektataj de la grupoj, kiajn servojn faris tiu kreo, kiel ĝi estos plivastigebla kaj plibonegebla ».

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La diskuto komencas. Pri la principo, ĉiuj konkonsentas, tio estas ja komprenebla ; senfina diskutado okazas nur pri la nomo ; la raporto donas la vorton *Konsulo-Konsulejo* ; oni proponas *Konsilanto*, *Konsilisto*, *Informejo*. Fine oni akceptas provizore la esprimon *Konsulejo*, kaj ilia fondo estas lasata al privata iniciativo.

S° Chavet legas raporton pri Centra Oficejo.

S° de Beaufront petas la parolon, kaj dankas la organizintojn de tiu Oficejo, pro la servoj kiujn ili tiamaniere faris al Esperanto kaj al Esperantistoj.

P° Schneeberger (prezidanto) legas leteron per kiu li sciigas ke Lia Papa Moŝto sendis sian benon al Pastro Peltier, pro lia esperanta propagando inter la Katolikoj.

Jen estas la traduko de tiu letero, kiu klarigas la aferon :

> Giovanni Bressan, privata sekretario de l' Papo, al Sinjoro Luigi Giambene, vic-prezidanto (2) de l' Roma Grupo Esperantista.
>
> El la *Vatican*,
>
> Tre estiminda Sinjoro, mi ricevis la honorindan komision konigi al vi ke Lia Papa Moŝto bonvolis akcepti favore kaj kun plezuro tute aparta, la aperintajn numerojn de la revuo *Espero Katolika* kiujn vi prezentis al Li je l' nomo de Sinjoro Abato Peltier. Bonvolu, tre estiminda Sinjoro, konigi al dirita pastro tiun favoron kaj transdoni al li la sanktan benon kiun Lia Papa Moŝta sendas al li, same kiel al ĉiuj kunlaborantoj de tiu revuo.
>
> via servanto
>
> GIOVANNI BRESSAN.

Tondro da aplaŭdoj salutas tiun novaĵon.

Kiel niaj legantoj tuj komprenis, tiuj aplaŭdoj iris, ne al la religia flanko de la afero, sed al la grava apogo kiun tiu fakto alportos antaŭ nelonge el Esperanto.

S° Carlo Bourlet klarigas proksimume jene :

« Mi deziras altiri la atenton de la tuta mondo al » la graveco de tio kion oni ĵus konigis al ni. Ĉar » mi estas liber-pensanto kaj senreligiulo, mi tiom » pli povas laŭdi la fakton, ne timante ke oni kulp» igos min pri propagando por Katolikismo.

» Ni povas diri ke la apogo de l' Papo donos » grandan forton al Esperanto. Ni esperu ke aliaj » religioj faros same, kaj ni diskonigu la fakton » kiel eble plej ».

L° Kolonelo Pollen (Anglujo) proponas ke la 3[a] Kongreso okazu en Anglujo. Ĝenerala aplaŭdado montras ke la propono estas akceptata.

S° Bourlet rimarkigas ke, ju pli la urbo estos malgranda, des pli la Kongreso sukcesos.

S° Prezidanto de l' Grupo de Cambridge sciigas nin ke tre verŝajne la Kongreso povos okazi en lia urbo.

Oni arangas kelkajn privatajn kunvenojn: matematikistoj, ŝakludistoj, k. c., kaj la kunveno finiĝas je la 12[a].

Post-tagmeze, je la 5[a], okazas en hotelo *Mont Blanc* kunveno de oficiroj, kunvokataj de Leŭtenanto Bayol. Tie ni sciiĝas alian gravan novaĵon: L° Bayol ricevis permeson por ĉeesti la laborojn de l' Kongreso en Genevo, kaj post sia reiro en Francujo li devos doni al sia ministro raporton pri la stato de Esperanto en la diversaj armeoj de Eŭropo. (Oni legu pri tio la cirkuleron kiun ni donas en tiu ĉi n°).

Tio ĉi ankaŭ estas tre grava afero ; ĝi montras ke Esperanto eniras pli malpli oficiale la kampojn de l' regnestroj.

L° Bayol legis raporton pri la agado en la franca armeo ; li memorigis ke Kapitano Capé estis la unua kiu entreprenis tiun propagandon, en Alger ; poste, Komand° Matton, en Clermont-Ferrand. Li sciigas antaŭ ke, antaŭ nelonge, la franca ministro permesis ke ĉiugradaj soldatoj eniru esperantistajn grupojn.

L° Bayol faras esperantan kurson en la milita lernejo de S[t] Cyr; li multe propagandas por enigi Esperanton en la Societon de la Ruĝa Kruco, kaj prizorgos la aferon por la Kongreso kiun tiu Societo organizos en London la proksiman jaron.

La kunveno finiĝis post lego kiun Kolonelo Ayza (Hispanujo) faris de hispana versaĵo tradukitan esperanten : Popol-sango.

———

Vespere, la okazintaĵoj estis multnombraj : je la 8[a], samtempe, koncerto kaj parolado de S° Michaux; poste, balo.

Mi ĉeestis prefere la paroladon de nia simpatia amiko Michaux, prezidanto de la Boulogne'a Grupo, la fama organizinto de la 1[a] Kongreso.

Mi tute ne bedaŭras, ĉar nia amiko parolas facile kaj konvinkige. Lia parolado okazis france, ĉar ĝi estis farata ne por Esperantistoj, sed por neesperantistoj. Sur la estrado estis arangataj du tabeloj,

(1) Eble *Nomaro de Esp. Societoj* (R. de la Red.)

(2) Laŭ mia scio, S° Luigi Giambene estas prezidanto de l' Roma Grupo.

kun alfabeto, kelkaj radikoj, gramatikaj finaĵoj kaj sufiksoj.

S° Michaux klarigis ĉion ŝerce, sed tre kompreniĝe :

« Kiam mi diras Jozefo-Jozefino, Adolfo-Adolfino, « Viktoro-Viktorino, k. c., ĉiu komprenas ke mi pa- « rolas pri viro kaj virino. Ni daŭrigu : amiko-ami- « kino, ĉevalo-ĉevalino, knabo-knabino.

« Kiam mi diras arto-artisto, piano-pianisto, oni « tuj vidas la rilaton ; mi daŭrigas : barbo-barbisto, « k. c., k. c. ».

Oni jam sentas la gajigan tonon de l' parolado, kaj kiom facile la klarigoj eniras la kapon.

Ili daŭris ĝis la 10ª. Kaj kiam mi eniris la ĉambregon kie okazis la balo, tiu ĉi estis ja plej viva. Multe da ĉeestantoj. da ceremoniaj kostumoj ; sed mi rimarkis diversajn oficialajn uniformojn : la blankan de L° Kolonelo Pollen, la francan de L° Bayol, la bluan de Kolonelo Ayza ; ankaŭ kostumon de Hindano.

Mi ne povis, bedaŭre, resti ĝis la fino, ĉar mi estis devigata foriri sabaton frumatene.

***

Tial, mia tasko estas nun finita, kaj mi donas mian lokon al nia amiko Jos. Jamin, kiu bonvolis helpi min, pritraktante la lastan tagon de l' Kongreso, la plej interesan, laŭ mi, pro la parolado kun lumfiguraĵoj de K° Lemaire.

Mi tre deziris ĝin ĉeesti ; sed kiam oni ne estas rentulo, oni ne povas fari kion oni deziras.

---

Al tiuj legantoj kiuj havis sufiĉe da kuraĝo por legi ĝis la fino mian senpoezian raporton, mi prezentas miajn plej korajn dankojn, varmajn gratulojn, kaj..... sincerajn kondolencojn !

J. Coox.

---

# La lasta tago de l' Kongreso.

La tri kunsidoj de l' sabato, 1ª de septembro, lasos en koro de la Esperantistoj kiuj kunvenis en Genevo, daŭran memoron ĉar ili kronigis perfekte kaj entuziasme la antaŭajn labortagojn de la Kongresanoj.

Mi ne intencas fari tie ĉi detalan raporton, mi nur notos kelkajn impresojn kiujn mi ricevis. La longajn diskutojn kaj paroladojn oni certe publikigos, kaj la oficiala protokolo klarigos la akceptitajn decidojn de la Kongreso,

Dum la matena kunsido, svisa blindulo, kiu partoprenis al la Kongreso, petis la parolon kaj kortuŝe dankis Zamenhof kaj la Esperantistaron pri la bonfaroj, kiujn la blinduloj ricevis de Esperanto.

S^ro^Bolingbroke Muddie proponis ke la sindonema Fraŭlino Zabilon d'Her, kiu jam multe rikoltis da mono por la propagando ĉe la blinduloj, faru tujan kolekton por tiu celo ; la proponon oni aplaŭde akceptis kaj la rezultato permesos pligrandigi, per libroj kaj broŝuroj, la disvastigadon de la lingvo ĉe tiuj malfeliĉaj samideanoj.

***

Alian proponon faris Komandanto Ch. Lemaire. Dank'al grandanima donaco de anonima Esperantisto, oni fondis en Parizo la *Centran Oficejon*, kiu kvankam nur de kelkaj monatoj organizita, donis ĝis nun grandan helpon al nia afero. La estonta tasko de la *Centra Oficejo* estos pli kaj pli grava kaj postulos grandajn elspezojn ; tamen ĝia funkciado estas certigita.

Komandanto Lemaire proponis ke la Kongreso voĉe danku la bonfaranton tiel modestan kaj malavaran ; la propono de nia belga amiko renkontis aprobon de ĉiuj kaj per aplaŭdoj la Esperantistoj pruvis ke, se ili ne estas tre riĉaj, ĉiuj estas almenaŭ tre dankemaj.

***

S^ro^ Clarence Bicknell proponis ke la Kongreso solene danku ĉiujn jurnalojn ne-esperantistajn kiuj, sentime kaj kuraĝe, enpresis artikolojn pri Esperanto kaj ankaŭ esperantajn tekstojn.

Ĉiuj konsentis pri tiu propono.

***

P^ro^ Schneeberger, prezidanto de la Kongreso, prave opiniis ke specialan memoron oni devus esprimi je la honoro de la mortintaj membroj de la *Lingva Komitato*.

Ĉiuj membroj de la Kongreso leviĝis kaj silentiĝis je la honoro de la samideanoj Achille Motteau kaj Haldor Midthus, kiujn la morto trafis dum la pasinta jaro.

***

La simpatia prezidanto de la Franca Societo p. p. E., S^ro^ L. de Beaufront, vizitis speciale la scienculon Ern. Naville, jam naŭdekjaran, kiu, per sia bone konata raporto al la « Académie des Sciences » kaj per persona propagando, multe helpis la antaŭeniron de nia afero ĉe la scienca mondo. En kortuŝanta parolado, S^ro^ L. de Beaufront prezentis la saluton de S^ro^ Ern. Naville al la Kongreso kaj entuziasme, sin direktis al Doktoro Zamenhof kaj je la nomo de la fama scienculo kaj de ĉiuj kongresanoj, li kisis nian gloran majstron.

Tiel oni vidis kunligitaj en impresiga premo, ambaŭ homojn kiuj, de longatempe, personigas la defendon de la lingvo. La krioj : « Vivu Zamenhof ! vivu de Beaufront ! » kaj la senfinaj aplaŭdoj montris ke tiu gesto estis atendita de ĉiuj kaj akceptita kun feliĉa kortuŝeco.

***

La oficiala kunsido de fermo okazis en la granda festa salono « Victoria Hall » la sabaton 1^an^ de Septembro.

La vasta loko prezentis spektaklon tute neordinaran. Jam kelkaj kongresanoj forlasis la urbon pro manko da tempo, sed la loĝantoj de Genevo, kiujn Esperanto allogis, alestis multnombraj kaj plenigis la galeriojn.

D^ro^ Zamenhof kaj la Komitato alvenis sur la estrado dum Profesoro Schneeberger, frato de la prezidanto de la Kongreso, ludis sur orgeno, triumfan marŝkanton.

Kiam la aplaŭdoj ĉesis, meze religia silento, S^ro^ Schneeberger paroladis pri la akiritaj rezultatoj kaj konstatis la grandan sukceson de la dua Kongreso. Sekve, S^ro^ Gaston Moch, ĝenerala sekretario, legis la diversajn dezirojn esprimitajn de la antaŭaj kunsidoj ; kolonelo Pollen, prezidanto de la Angla Societo alportis la saluton de ĉiuj nacioj kaj humore anoncis ke niaj anglaj samideanoj estos tre feliĉaj

kaj tre honoritaj akcepti la proksiman Kongreson en Anglujo, eble en Cambridge.

Oni aŭdis ankoraŭ ĝenevan poeton kiu, allogita de kelkaj tagoj al nia kaŭzo, festis poezie Zamenhof kaj Esperanton.

Fine la Doktoro improvizis belan respondon al la Kongresanoj kaj fiere montris la videblajn progresojn akiritajn dum la pasinta jaro. Je la fino de la parolado, kiam la aplaŭdoj tondriĝis, du junaj fraŭlinoj de loka grupo, simple vestitaj kiel la svisaj virinoj, per nigra korsaĵo kaj arĝentaj ĉenoj tiel elegantaj kaj graciaj, alportis sur la scenejon grandan kronon da foliaĵoj envolvitan en rubando kun la naciaj svisaj koloroj ; la tuta amaso leviĝis kaj manifestis entuziasme sian dankon kaj sian ĝojon.

La orgeno komencis la unuajn taktojn de la himno « *Espero* » kaj la plej granda parto de la ĉeestantoj ekkantis ĝin ĥore.

Tiu bela sceno estos por ĉiuj kortuŝanta kaj neforgesebla memoraĵo.

***

Tuj post la fermo de tiu parto de la kunsido, la prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, Charles Lemaire, en uniformo de artileria oficiro belga, komencis sian paroladon pri Kongolando.

Estis la unua fojo ke nia simpatia amiko parolis Esperante antaŭ tiel multnombra kaj sperta aro da samideanoj, tre interesataj per la subjekto de la parolado, tute nova por preskaŭ ĉiuj.

La sukceso rekompencis lian kuraĝan iniciativon. Li pruvis tre lerte ke, per Esperanto, oni povas enkonduki en esperantistaj kunvenoj, la plej diversajn temojn.

Akompanata de lumaj projekcioj (lumbildoj) la parolado disvolviĝis, klarigante al ni la vivon de la blankuloj kaj nigruloj en la Centra Afriko, la noblan mision de la esploranto kiu ricevis multe pli per dolĉa kaj energia agado ol per forta aŭ sanga revenĝo.

Diversfoje, kiam la parolanto pruvis al ni ke la nigrulo estas, kiel ni, homo kiun ni devas protekti kaj respekti en liaj ĝojoj kiel en liaj doloroj, homo kiun ni devas helpi kaj konduki, sed ne kontraŭbatali senkaŭze, la aplaŭdoj de la alestantoj montris ke la humanaj sentoj de la esploranto renkontis unuaniman aprobon kaj akcepton.

En la fino de sia parolado, Komandanto Ch. Lemaire montris al ni lumbildon kiu reprezentis la estron de la scienca misio en Afriko, t. e. lin mem, antaŭ la nigraj soldatoj prezentantaj la armilojn, alkroĉantan sur la bruston de unu el la oficiroj, siaj helpantoj, la ordenan krucon, rekompencon bone meritVitan ; la sceno okazis meze de la afrika pejzaĵo, sen flagoj, sen muziko, sen granda amaso da scivolemuloj, en simpleco ; sed, pro tio, pli solena kaj pli imponanta estas la ceremonio.

Kaj elvokante la krucon, kiun Zamenhof ricevis de la franca registaro, li esprimis la esperon de ĉiuj Esperantistoj pri sama gesto de la aliaj registaroj.

***

Mi povus multe raporti pri renkontoj de alilandaj Esperantistoj en Genevo. Mi nur citos kelkajn nomojn de la batalantoj de la « unua horo ».

S^ro^ Vald. Langlet, kiu faris la unuan voĵagon per Esperanto jam de multaj jaroj ; S^ro^ Evstifeiev kiu alportis al ni saluton el Harbin de nia amiko Kazi-Girej ; S^ro^ Ahlberg la sindonema sveda propagandisto ; S^ro^ Paul Nylen kiu direktis la ĵurnalon « Lingvo Internacia » en momento tre malfacila ; S^ro^ L. de Beaufront al kiu ni ŝuldas la disvastigadon de Esperanto en Francujo kaj ankaŭ en Belgujo ; S^ro^ Leono Zamenhof, frato de la Doktoro, S^ro^ K. Bein kaj multaj partoprenantoj de la Kongreso de Boulogne-sur-Mer.

***

Du el niaj belgaj amikoj, kiuj, pro diversaj kaŭzoj ne povis alveni en Genevon, ricevis tamen grandan honoron.

Dum la teatra festo de la 29^a^ de Aŭgusto, S^rino^ Josée Guivy kantis sian muzikan verkon, kiun ŝi komponis el « Birdoj forflugu », laŭ Guido Gezelle, traduko de Doktoro M. Seynaeve.

La vendredon 31^an^ de Aŭgusto okazis dua teatra festo kaj Fraŭlino Schafer sukcese deklamis « La malsana junulo », laŭ J. Van Beers, traduko de D^ro^ R. Van Melckebeke.

Tiuj tradukaĵoj, eltiritaj el « Paĝoj el la Flandra Literaturo » montros al niaj amikoj ke ilian belan verkon multe ŝatas niaj fremdaj amikinoj.

Jos. Jamin.

# Poŝta Kesteto.

**Al ĉiuj amikoj.** — Tre gravaj profesiaj devoj subite forigis min de la Esperantista batalejo dum kelkaj monatoj, kaj estis al mi tute neeble respondi je la multaj korespondaĵoj, kiujn mi ricevis dum tiu tempo. Mi petas ĉiujn amikojn, kiujn mi ŝajne forgesis, ke ili senkulpigu min. Kvankam tiuj malhelpoj ekzistas ankoraŭ, mi esperas ke, de nun, mi povos ree okupiĝi pri miaj karaj Esperantaj laboroj kaj pri la direktado de la ĵurnalo.

D^ro^ M. Seynaeve.

## Internacia marista ekspozicio.

En 1907 okazos en Bordeaux granda *Internacia marista ekspozicio.* La grupo esperantista de Bordeaux deziras aranĝi esperantan sekcion kaj petas ĉiujn societojn, grupojn kaj individuojn, sendi al ĝi, por tio, ĉiuspecajn dokumentojn kaj propagandilojn (libroj, cirkuleroj, afiŝoj, poŝtkartoj kaj objektoj kun la marko *Esperanto*).

Por sciigoj oni sin turnu al S-ro Bignié, 66, Cours Gambetta, en Talence (Gironde), aŭ al S-ro Sam. Meyer, ŝipmakleristo, en La Rochelle.

## Interesa Letereto.

*Sinjoro Redaktoro*

Malpravaj tiuj, kiuj pretendas ke lerni Esperanton estas malfacile, kiam oni fariĝas maljuna. Kiel mi, ili provu. Mi estis sepdek-jara, kiam mi entreprenis tiun *ludon* kaj nun Esperanto estas mia kara amuzaĵo. Mia patro, bona viro de la dekoka centjaro, diris centfoje :

« Neniam oni estas tro maljuna por lerni ».

Koran saluton.

(*Loveno*) E.-J Weemaes.

**Adresaro de Komercistoj akceptantaj uzadon de Esperanto.** — Adair & C^o^, 39 Victoria street, Westminster, London, entreprenas la adresadon kaj dissendon de cirkuleroj, komercaj prezaroj kaj specimenoj.

# Esperanto et Anarchie.

**Lettre à M. BALANDARD, rentier.**

— —

J'ai reçu hier une lettre de mon ami Balandard, d'Orsseghem (Brabant). Mon ami Balandard, comme vous l'aurez vu déjà, est rentier. Nous sommes d'anciens camarades de classe et les mêmes bancs de bois dur et noir ont, dans notre jeune âge, usé nos réciproques pantalons. De là une amitié que les ans, la vie et la méchanceté des hommes ne sont pas encore parvenus à détruire.Balandard s'est lancé à dix-huit ans dans le commerce des denrées coloniales, honorable entre tous, et il y a fait fortune. Il s'est retiré des affaires il ya trois ans et, comme il a toujours adoré la campagne, il est allé vivre parmi les sillons, les bœufs et le parfum du fumier, agréable à ses larges narines. De n'avoir plus à peser son sucre et son café il est devenu pacifiste, végétarien, astrophile, féministe et aussi, je crois, un peu magicien. Je le soupçonne fortement de rechercher la pierre philosophale et l'élixir de longue vie. Mais ceci m'éloigne de mon sujet.

Or, certain jour de l'an dernier mon ami Balandard lut dans son journal les triomphes de l'Esperanto, et se prit d'un engoûment immodéré pour l'idiome international auxiliaire. Il me pria de lui envoyer des exercices, une grammaire, des brochures de propagande, et poussa même l'enthousiasme jusqu'à s'abonner à la *Belga Sonorilo*. C'est à ce dernier titre surtout que je le donne en exemple à tous les nouveaux espérantistes belges, présents et à venir.

Depuis ce temps, je n'entendis plus parler de Balandard. Je l'imaginai faisant des progrès fantastiques, travaillant à la traduction espérantiste du Grand et du Petit Albert ou convertissant à notre cause tous les fermiers d'Orsseghem (Brabant). Voici cependant qu'hier je reçus de sa main une lettre désenchantée : « Je suis bien surpris, mon cher Vieilhomme, m'écrivait-il, je suis bien surpris, et un peu désillusionné. Vous savez de quel amour, depuis un an déjà, j'entoure l'Esperanto, et au prix de quels sacrifices, d'argent et de santé (blagueur, va!), je travaille nuit et jour à sa propagation dans mon cher village. Eh bien, jugez de mon profond étonnement et de ma légitime stupéfaction lorsque j'ai appris — il n'y a pas une heure! — que cette langue était, oui, monsieur, une langue de voleurs et de brigands. Il est certain en effet qu'on a retrouvé à Paris, dans le tiroir d'une table de nuit d'une mansarde occupée par des *anarchistes*, à côté d'une boîte d'allumettes de la régie, de deux cartouches de dynamite, d'un cure-dents, d'une fausse pièce de cinquante centimes et d'un peigne sale, *une grammaire Esperanto*. Il est prouvé que les dynamiteurs correspondent entre eux à l'aide de l'*Esperanto*, il est patent que des libertaires, des communistes, des *Ruĝuloj* se sont réunis au Congrès de Genève et ont parlé *Esperanto*. Où croyez-vous que cela me mènera, mon cher ami? Vous imaginez-vous peut-être que moi, un honnête rentier, un honorable ancien commerçant qui a gagné sa vie à la sueur de son front dans les cafés, la chicorée et les sucres, je supporterais d'être impliqué dans de pareilles horreurs et que je tremperais ma main dans le sang encore chaud des bourgeois? Cela, jamais! Plutôt mourir! A partir de ce jour, je lâche toute cette affaire, qui pourrait me mener loin. Et à moins que vous ne m'expliquiez tout ce que cela veut dire, je vous prie de cesser immédiatement le service de la *Belga* et de me renvoyer le plus vite possible, en timbres-poste, la somme de un franc soixante centimes, prix des quatre numéros de cette revue que je ne recevrai plus, car j'ai d'importantes factures à solder fin du courant. »

Pauvre Balandard, comme tu t'es monté la tête! Toujours le même, décidément : un feu d'artifice, un pétard, une bombe (pardon!) qui fait explosion au moindre choc. Ce que tout cela signifie? Mais tout simplement que l'Esperanto, langue neutre, est la propriété de toute l'humanité et que tous les hommes ont le droit d'en user, tant en vue du bien qu'en vue du mal.

Les bandits calabrais se chauffent le dos au soleil; cela doit pas empêcher les honnêtes gens d'apprécier les rayons de cet astre. Le soleil, comme l'Esperanto, luit pour tout le monde, et de tous temps les belles inventions ont été mises à profit par le mal Il y a belle lurette que Caïn dépouilla de ses feuilles la branche innocente, en fit un gourdin et en assomma son frère!

Et puis, au fond, ces anarchistes qui vous font si bellement écumer, sont-ils donc si dangereux que cela? On les a vus à Genève, les *Ruĝuloj*. Ils n'étaient guère plus sinistres que vous et moi, et ne cachaient nulle bombe dans leur caleçon. On a tort, voyez-vous, de prendre l'anarchie pour ce qu'elle n'est pas. En elle même, elle constitue simplement, suivant l'Académie, l'état d'un peuple qui n'a plus ni chefs, ni autorité à laquelle on obéisse, ni lois auxquelles on soit soumis, et les anarchistes sont ceux qui sont partisans de cet état, y aspirent et souhaitent son avènement pacifique. Un Vaillant et un Luccheni ne sont pas des anarchistes. Ce sont des criminels. Elisée Reclus, le doux utopiste qui ne mangeait que des herbes, professait ces doctrines. Etait-il donc effrayant? Et puis, pour aller au fond des choses, ne faut-il point souhaiter l'établissement de l'anarchie? Celle-ci ne serait-elle pas l'affirmation de la bonté universelle, de la fraternité intégrale, de l'égalité complète entre les hommes, état tellement idéal qu'il permettrait aux sociétés de se passer de gouvernements et de lois? Notez que c'est un des plus grands savants belges, Aug. Lameere, qui a écrit dans son admirable *Esquisse de la Zoologie :* « La société des primates est le prototype de la Société humaine, qui est encore en pleine évolution, mais où l'on peut reconnaître déjà une transformation qui semble devoir l'amener peu à peu à ressembler à une association d'insectes : un grand nombre d'individus ne se reproduisent pas; le travail s'est imposé comme une nécessité, et le nombre des individus qui y échappent tend à diminuer de jour en jour; enfin, l'autorité s'émiette progressivement pour finir par disparaître, *l'anarchie étant la forme sociale de l'avenir.* »

Que pensez-vous de tout cela, mon cher Balandard? Et faut-il que je vous renvoie, en timbres-poste, la somme de un franc et soixante centimes?

VIEILHOMME.

# TWEE CONGRESSEN.

Ik kom terug op het internationaal congres der handelsbedienden, dat onlangs te Londen werd gehouden,en waarvan reeds in de twee voorgaande nummers der B. S. gesproken werd.

Dit congres is van het grootste gewicht voor de Esperantische beweging. Het had aan de dagorde de gewichtigste professioneele vraagpunten van den tijd, bij welke men uitdrukkelijk het gebruik van het Esperanto erkende. Ongemeen talrijk waren de bijtreders; er waren vertegenwoordigers uit Engeland, Frankrijk, België, Spanje, Polen, Portugaal, Duitschland en Ierland.

De lezers van de B S. kennen de besluitselen van deze vereeniging. Na een merkwaardig vertoog van den heer Géhet, verslaggever der Fransche handelsbedienden (1), werd **eenparig** en **bij toejuiching** gestemd, dat het Esperanto voortaan de officieele taal zal wezen bij de internationale congressen van den Bond, — dat de verschillige kringen bij hunne staatsbesturen zullen aandringen om het Esperanto in de openbare scholen te doen onderwijzen, en dat men ijveren zal om door de stichting van groepen het Esperantoonderwijs anderzijds te bevorderen.

Deze stemming heeft dan ook in de Esperantische wereld een grooten weergalm gehad. Immers, zij werd niet genomen door personen, die Esperanto beoefenen uit dilettantisme of door dweepers, die zich opwinden om eene hersenschim na te jagen, — wij bevinden ons hier vóór practische, kalmdenkende lieden, vóór menschen van zaken, geleid door gezond verstand en ondervinding. Mochten zij spoedig de daad bij het woord voegen en de hand aan het werk slaan!

Ik verheug mij reeds op voorhand over den grooten indruk, die het a. s. wereldcongres der handelsbedienden moge te weeg brengen, wanneer al de leden dezer vergadering elkaar zullen verstaan, sprekende ééne, dezelfde taal: ons eenvoudig, sierlijk, welluidend Esperanto!

Zóó moge zich andermaal het treffend schouwspel vertoonen, dat iedereen in Boulogne s/M verleden jaar zoo geestdriftig heeft aangedaan, en dat de heer Farjon, Voorzitter van de handelskamer dier stad noemde: een gedenkwaardig feit in de geschiedenis der menschheid.

***

Indien het congres der handelsbedienden zoo verblijdend op de Esperantisten heeft gewerkt, mag ongelukkiglijk niet hetzelfde gezegd worden van het wereldcongres der onderwijzers, dat in het begin der verleden maand te München heeft plaats gehad. Eveneens begroetten zich daar deelnemers uit de meeste landen van Europa; België werd er vertegenwoordigd door den heer volksvertegenwoordiger Buyl (Elsene), en de heeren Rossignol (Doornik) en Cnudde (Sijngem,Oost-Vl.).

Het Esperantovraagstuk, dat in September ll. op het congres van Luik zooveel bijval had (voorstel Robelin), bevond zich insgelijks aan de dagorde.

(1) Dit vertoog werd *in extenso* overgedrukt in het vakblad « Le Voyageur », nr van 21 April 1906.

Evenwel is men tot geen besluit kunnen geraken: de vergadering was van meening geen stemming over de quæstie uit te brengen.

Warm werd onze zaak verdedigd door den heer Khun (Kühnle?); integendeel werd zij bestreden door de heeren Ketelaar en Schook, afgevaardigden uit Nederland. Zij zijn met het reeds zoo dikwijls wederlegd argument afgekomen, dat het beter zou wezen zich bij de congressen van een levende taal te bedienen, gekozen onder diegene, welke het meest verspreid zijn. Zij beweerden, dat een kunstmatige taal, onvolledig en zonder letterkunde (sic), zonder het minste nut is.

De heeren K. en Sch. zijn ongetwijfeld over de quaestie slecht ingelicht. Immers, menigmaal is het bewezen, dat het volkomen onmogelijk zou zijn een reeds bestaande taal tot algemeen spraakvoertuig te maken.De opwerping der heeren K. en Sch. werd o. a. afdoende beantwoord door den heer Charles Lambert, hoogleeraar bij de hoogeschool van Dijon.

« Al de nationale talen, zegt deze heer, krioelen van onzin en van onregelmatigheden, die er de studie zeer moeilijk van maken. Ook moet men er zich niet aan verwachten, dat de volkeren ooit een algemeen idioom zullen aankleven, dat niet het hunne is. Het nationaliteitsleven is zoo diep ingedrongen, dat iedere natie haar eigene taal zou vorderen en alle andere zou verwerpen. Die naijver tusschen de volkeren is onloochenbaar. Daarbij voegt zich ook eene kwestie van rechtvaardigheid. Ziet men niet in, hoezeer het land zou bevoorrecht wezen, wiens taal men als wereldtaal zou aangenomen hebben? De inwoners van dit land zouden maar hunne taal alleen moeten kennen, de taal, die zij reeds als kind van hunne moeder geleerd hebben. Een levende taal als internationale taal aannemen is zich in vrijwillige minderheid stellen tegenover het volk, wiens moederspraak men gekozen heeft. En welke natie zou deze opoffering willen doen aan Frankrijk, Engeland of Duitschland? »

***

Wat nu de volledigheid van het Esperanto betreft? Hier mag gerust gezegd worden, dat het in dit opzicht niets te benijden heeft aan de rijkste der bestaande levende talen, dit onaangezien zijne verbazende eenvoudigheid.

Zulks wordt door niemand betwijfeld, die met de zaak is ingewijd en gestaafd door het oordeel van vele groote spraakvorschers en geleerden uit alle landen. (1)

Dat het Esperanto, waarvan vóór eenige jaren nog niemand het bestaan vermoedde reeds eene belangrijke literatuur heeft, is eveneens een erkend feit, niettegenstaande de bewering van onze geachte tegensprekers. Er bestaat reeds een aanzienlijke voorraad boeken van allen aard: vertalingen van groote schrijvers uit alle landen en uit alle tijden, oorspronkelijke belletrische werken in

(1) Zeer lezenswaard is in dit opzicht de belangrijke en degelijke brochuur « Het vraagstuk eener wereldtaal en het Esperanto » door D. F. Romein, (Utrecht, H Honig).

proza en in dichtvorm, tooneelstukken, wetenschappelijke boeken over allerlei onderwerpen, zonder te gewagen van het groot getal Esperantische tijdschriften verschijnende in de vijf werelddeelen. Deze verzameling groeit gedurig aan, en vele boekwerken beleven reeds verscheidene uitgaven.

***

De heer Buyl, Belgisch volksvertegenwoordiger en gewezen onderwijzer, nam ook deel aan de besprekingen over Esperanto. Hij aanziet de zaak met het oog op de school en verlangde te weten, of het Esperanto aan de verstandelijke en zedelijke ontwikkeling der kinderen voordeelen en hulpmiddelen aanbiedt, die bij de levende talen niet voorhanden zijn.

Het verslag, dat vóór mij ligt, meldt niet of de weetgierigheid van den heer Buyl op het Münchener congres bevredigd werd. Ik neem het dan ook volgaarne op mij hem op dit punt de gewenschte inlichtingen te verstrekken.

Ongetwijfeld moet de verstandelijke ontwikkeling van den leerling bevorderd worden met hem eene taal aan te leeren, die een meesterstuk van logiek is, zonder den minsten aanstoot met de gezonde rede, — eene taal, die hem eens in gemeenschap zal brengen met de heele intellectueele wereld, — eene taal, die slechts een gering deel van zijnen leertijd in aanspraak neemt en hem ontslaat van de zware, langdurige en dikwijls gansch onvruchtbare studie der bestaande levende spraken. Want het is opvallend, dat het getal der aan te leeren talen met den dag aangroeit, en dat aldus de leerling een overgroot gedeelte van den tijd verliest, die hij zou kunnen besteden aan studievakken van vormend en wetenschappelijk gebied. Ik veronderstel natuurlijk, dat de zaak reeds hare gewenschte oplossing erlangd hebbe.

De zedelijke zijde der Esperantische beweging is ongemeen veelomvattend, en komt zooveel te grootscher en te verhevener voor, naarmate men er langer over nadenkt. Het zij mij toegelaten hier het woord te verleenen aan den heer Charles Péron, maire van Boulogne s/M, en uit zijne openingsrede bij het Esperantisch congres van 1905 het volgende te vertalen:

« Ik ben van harte met u, want ik beschouw de schepping van het Esperanto als een gemakkelijk en aangenaam gemeenschapsmiddel tusschen de menschen en als een overgroote weldaad.

« En ik plaats mij niet enkel op economisch standpunt, op dat van den handel en het internationaal verkeer, waaraan uit voorliefde of door mijn beroep ik een zoo grooten prijs hecht: ik weet, dat de Wereldtaal met dit doel een onwaardeerbaar nut aanbiedt. Neen, ik laat op zijde de stoffelijke voordeelen, die uit deze vergemakkelijkte betrekkingen door het woord en de pen kunnen voortvloeien

« Hetgeen mij van hooger belang voorkomt, is de verdwijning der grenzen; 't is de hand, die de volkeren elkaar toereiken over land en zee; 't is in een woord het broederlijk hulpmiddel, dat aan de natiën toelaat andere stemmen te hooren, dan die, welke de ikzucht aanpreeken; 't is van te hooren slaan, onder alle breedtegordels een enkel hart, het hart der gansche menschheid....»

***

Ik onderwerp mijne beschouwingen aan het welwillend oordeel van hen, die onze gedachten niet deelen en ons streven miskennen, en in 't bijzonder aan diegenen, welke bij het Münchener congres het Esperanto hebben bestreden. Mochte mijne bescheidene bijdrage er toe leiden dat ze met onze geliefde taal nader kennis maakten, dan verzaak ik niet aan de zoete hoop, ze eens in onze rangen te ontmoeten.

AMATUS.

---

## Bruĝo en la XIVa centjaro

DE

### Dro K. J. HANSEN.

**Dro Konstanto-Jakobo Hansen,** flandra literaturisto kaj lingvisto, naskiĝis en *Flisingo* (Holando) en 1833; li estas filo de dana kapitano kaj ŝipmastro. Du jarojn poste, liaj gepatroj sin fiksis en Antverpeno, kie Konstanto-Jozefo restadis ĝis antaŭ nelonge, ekzercante dum multe da jaroj la oficon de urba bibliotekisto. Li penis persiste por efektivigi grandegan kaj altegan ideon, la unuigon de ĉiuj branĉoj de la *tudeska* (Dietsche) lingvo, al kies disvastigo li dediĉis multnombrajn poeziojn, kune kun siaj legindaj « Vojaĝoleteroj » (Reisbrieven), enhavantaj subgermanajn, danajn kaj svedajn kantojn. Plie, li publikigis rimarkindan libron pri la subgermana aŭtoro Klaŭs Groth, kies ĉefverko « Rothgeter Meister Lamp un sin Dochter » (Kuprofandisto Mastro Lamp kaj lia filino) li flandrigis.

En 1868 li ricevis la titolon de honora doktoro de la Rostok'a Universitato. De 1896 li estas kavaliro de la Leopold'ordeno.

Dro Hansen, ankoraŭ ĉiam okupante sin pri literaturo kaj lingvaj sciencoj, vivadas nun sur sia ĉarma kampobieno « Teŭtonia » en Brasschaat (Brasĥat'o), ne malproksime de Antverpeno.

---

Mi volus vidi la Bruĝon el la XVIa centjaro, kiam, en unu tago, cent kvindek orumitaj kaj flagornamitaj ŝipoj, sub la ĝojegado de maristoj de ĉiuj marbordoj, envelveturis la havenon; kiam la komercistaro de la Hanzo (1) tien alvenis por reguligi la interesojn de l' Interligo, kaj perfektigi sin en la sama tudeska lingvo, kiu ankoraŭ tiel ĉarme fluas de la lipoj de la bruĝaj belulinoj.

Ne, Johanino de Navaro ne estis sola reĝino ĉi tie! La burĝoj povis tapeti siajn domojn de supre ĝis malsupre per damaskaj tapetoj, kaj iliaj filinoj estis efektive reĝinoj, — la filinoj de tiuj, kiuj havis la potencon kaj la indecon por ordoni kvazaŭ princoj! Mi volus vidi Bruĝon, ekzemple iun datrevenon de la batalado de la Oraj Spronoj, kiam la laborema teksisto interparoladis kun la komercisto de la Baltik'a maro, flankepuŝante la riĉe ornamitan Italon. Mi volus vidi tiujn multkolorajn kostumojn kaj aŭdi la popolajn kriadojn, dum la plej bela sonorilaro de la Mezepoko malsupren verŝis vigligantan triumfkanton super la miksita alfluo. Ho! kiam la Bruĝano ekkantis: « tagiĝas en Oriento », la Orientulo ja devis respondi: sed la suno brilas en la Okcidento. Ve! tiu suno subiĝis; kaj la maro, en kiu ĝi iam sin spegulis je la piedo de la urba virgulino, malrapide sed senkompate foriĝis, lasante la sentronigitinon, sola kun ŝia malĝojo. Iam ĝi murmuris al ŝi amsonojn, nun ĝi salutas ŝin de tempo al tempo per la surda eĥo de sia terura voĉo, kiam ĝi disfrapegas la tieajn dunojn.

AMATUS *esperantigis.*

(1) Potenca ligo de komercistoj dum la Mezepoko.

